# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.— sv. fk.

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 10 abonoj po 1 20 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.10 sv. fk

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,20 sv. fk., 5 ekz de unu numero po 0.15 sv. fk., 10 ekz. po 0.12 sv. fk., 25 ekz. po 0.11 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 3.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0 10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Adreso:**

**Heroldo de Esperanto**

**Horrem bei Köln (Germanujo)**

Fako: **Verda Stelo.**

**Redaktoro**: Teo Jung

**Poŝtĉekaj kontoj:**

Germanujo: Köln 75102 Heroldo de Esperanto, Horrem.

Danujo 4962, Heroldo de Esperanto, Horrem Germanujo)

**Diverslandajn valutojn ni akceptas je sekvanta kurzo:**

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo, 0.16 braz. milr., 3 bulg levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0 50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12½ hisp. peseto, 0.12 pengo, 0.45 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0 10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 u ugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto aŭ sveda krono. Rusoj pagu al la agentejo de Heroldo: Geo. Teterin, Fontanka 21, kv. 7, Leningrad. laŭ kurzo: 0.10 s. fk. = 0.04 or-rubl. kaj 20% por perado.

**N-ro 3** **Marto** **1927**


# Esperanto en praktiko.

## Esperanto.

**Malaperinta militkaptito trovita per Esperanto.**

La redakcio de la semajna jurnalo „Heroldo de Esperanto" ricevis sekvantan leteron de s-ro Sp. en Wien, de 4-a de marto 1927:

Pasintan aŭtunon konatoj rakontis al mi, ke depost kvin jaroj ili ne povas interkomunikiĝi kun militkaptito troviĝanta ie en Siberio, kaj petis min pere de la konsulejo ekscii la adreson de s-ro M. L. Citita vojo estis sensukcesa, kaj mi serĉis pli sukcespromesan rimedon, nome: Esperanton.

Mi aperigis en diversaj Esperantaj gazetoj malgrandajn anoncojn kun personaj kaj aliaj trovebligaj datoj. **Plena sukceso post kelkaj semajnoj** estis la rezulto.

La unuan sciigon mi ricevis el Karlsruhe i. B. de gefratoj K. & E. M. kaj la duan el Novosibirsk de samideano D. Ŝ. Ĉi tiu samideano komunikis al mi la adreson de s-ro M. L. kaj mem skribis al li, atentigante lin pri mia adreso kaj anonco. Antaŭ kelkaj tagoj mi ricevis de la militkaptito, kiun oni cetere jam opiniis morta, leteron, kiun mi tuj transdonigis al liaj parencoj.

Mi ĉi-loke publike dankas al la samideanoj en Karlsruhe kaj Novosibirsk, kiel ankaŭ al la redakcio de „Heroldo de Esperanto" pro iliaj afableco kaj oferemo.

Nova kaj konvinkiga pruvo pri la taŭgeco kaj uzebleco de Esperanto!

Sp., Wien.

Tiu ĉi kazo ne estas la sola sed unu el multaj, kaj ĝi klare pruvas, ke Esperanto jam nun faras valorajn servojn en la praktiko.

## English.

**Lost prisoner of war found through Esperanto.**

The Editor of the weekly paper „Heroldo de Esperanto" has received the following letter from Mr. Sp. of Vienna, dated March the 4th, 1927:

Last autumn some of my aquaintances told me, that for five years no communication has been received from a prisoner of war who was somewhere in Siberia, and they asked me to try and find out through the Consulate his address at present. Those means were unsuccesful, and I looked for a better way, namely: Esperanto.

I published several small advertisements in Esperanto papers, giving details of name and dates at which the lost prisoner was known to have been previously. **After several weeks my efforts were fully successful.**

The first information I received was from Karlsruhe i. B. from Messrs K. & E. M. and the second news from Novosibirsk from an Esperantist D. Sh. This friend communicated to me the address of Mr. M. L. and wrote himself to him, calling his attention to my adverts and my address. A few days ago I duly received from the said prisoner of war, whom everybody thought dead long ago, a letter, which I immediately passed on to his relations.

I herewith formally beg to thank the Esperanto friends at Karlsruhe and Novosibirsk, also to the Editor of „Esperanto Heroldo" for their kindness and self denial in helping us.

A new and convincing proof of the suitability and usefulness of Esperanto!

Sp., Vienna.

This is not an isolated case but one of many, and it clearly prooves, that Esperanto is already doing valuable services in practice.

## Deutsch.

**Ein totgeglaubter Kriegsgefangener mit Hilfe des Esperanto wiedergefunden.**

Die Schriftleitung der Wochenzeitung „Heroldo de Esperanto" erhielt folgenden Brief von Herrn Sp. in Wien, vom 4. März 1927:

Vergangenen Herbst erzählten mir Bekannte, daß sie seit fünf Jahren ohne Nachricht von einem Kriegsgefangenen seien, der sich irgendwo in Sibirien befinde, und sie baten mich, mit Hilfe des Konsulats die Adresse des Herrn M. L. in Erfahrung zu bringen. Genannter Weg erwies sich jedoch als ergebnislos, und ich suchte ein Mittel, das mehr Erfolg versprach, nämlich: Esperanto.

Ich veröffentlichte in verschiedenen Esperanto-Zeitungen kleine Anzeigen mit Angaben über Person usw., die die Auffindung ermöglichen konnten. **Ein voller Erfolg bereits nach wenigen Wochen** war das Ergebnis.

Die erste Mitteilung erhielt ich aus Karlsruhe i. B. von den Geschwistern K. & E. M. und die zweite aus Novosibirsk von Gesinnungsfreund D. Š. Dieser Gesinnungsfreund teilte mir die Adresse des Herrn M. L. mit und schrieb selbst an ihn, indem er ihn auf meine Adresse und Anzeige aufmerksam machte. Vor einigen Tagen erhielt ich von dem Kriegsgefangenen, den man schon totgeglaubt hatte, einen Brief, den ich sogleich seinen Verwandten übergab.

An dieser Stelle danke ich öffentlich den Gesinnungsfreunden in Karlsruhe und Novosibirsk, wie auch der Schriftleitung des „Heroldo de Esperanto" für ihre Liebenswürdigkeit und Opferfreudigkeit.

Vorbeschriebene Tatsache ist ein neuer und überzeugender Beweis für die Tauglichkeit und Anwendungsmöglichkeit des Esperanto! Sp., Wien.

Dieser Fall steht nicht allein da, sondern ist einer von vielen, und er beweist klar, daß Esperanto heutzutage bereits wertvolle Dienste in der Praxis zu leisten imstande ist.

## Français.

**Prisonnier de guerre disparu, retrouvé grâce à l'esperanto.**

La rédaction du journal hebdomadaire „Heroldo de Esperanto" a reçu la lettre suivante de M. Sp. à Vienne. La lettre est datée du 4 mars 1927:

L'automne dernier, quelqu'un de ma connaissance me raconta que depuis cinq ans il ne pouvait communiquer avec un prisonnier de guerre se trouvant en Sibérie et me pria de tâcher de connaître l'adresse de M. L. par l'intermédiaire du Consulat. Ce moyen ne réussit pas et j'en cherchai un meilleur, c'est-à-dire l'esperanto.

Je fis paraître dans divers journaux espérantistes de courtes annonces avec quelques dates et quelques détails indicateurs. **Au bout de quelques semaines la réussite était complète.**

De Karlsruhe i. B., les frères K. et E. M. m'envoyèrent le premier renseignement et je reçus le deuxième d'un „samideano" de Novosibirsk, M. D. Š. Ce „samideano" me donna l'adresse de M. L. et lui écrivit pour lui faire remarquer l'annonce et lui donner mon adresse.

Il y a quelques jours j'ai reçu une lettre du prisonnier de guerre que l'on croyait certainement mort. Je l'ai immédiatement fait transmettre à ses parents.

Je tiens à remercier ici publiquement les „samideanoj" de Karlsruhe et de Novosibirsk ainsi que la rédaction de „Heroldo de Esperanto" pour leur amabilité et leur dévouement.

Preuve nouvelle et convaincante de l'opportunité et de l'utilité de l'esperanto. Sp., Vienne.

Ce cas n'est par le seul mais un parmi tant d'autres et prouve clairement que l'esperanto peut déjà rendre des services appréciables et importants dans la pratique.

# Tra Esperantujo.

**La Jubilea Statistiko.**

Prof. D-ro Dietterle plendas, ke ĝis 1. 2. 1927 alvenis entute nur 1457 respondoj, kaj ke do multaj mankas. Li sciigas, ke post 15. 4. li devos fari grandan strekon sub la laboro farita ĝis tiam, almenaŭ rilate la raportojn el Eŭropo. Ni insiste petas ĉiujn, kiuj ankoraŭ ne sendis sian raporton, tion fari tuj, en la intereso de la propagando por nia afero, ĉar nekompleta statistiko havas malgrandan valoron kaj efikus malbone.

**Nova originala Esperanto-romano**

komenciĝis en la semajna jurnalo Heroldo de Esperanto. La romano estas verkita de la ĉefredaktoro de Heroldo kaj redaktoro de Verda Stelo, s-ano Teo Jung, kaj havas la titolon „Landoj de l' Fantazio". Por montri al niaj legantoj specimenon pri la lingvaĵo kaj stilo de la romano, ni represas en la hodiaŭa numero de Verda Stelo kelkajn ekstraktojn el la unuaj ĉapitroj.

Se vi deziras ricevi senpagan ekzempleron de la romano en formo de libro, kompletigu la prospekton aldonitan al la hodiaŭa numero!

**Esperanto-reklamo kaj oficiala subvencio.**

En kelkaj vagonoj de Hungaraj Ŝtataj Fervojoj estas bildoj de Budapest kun kvinlingva subskribo, la kvina lingvo estas Esperanto. — La urbo Budapest donis al Hungara Esp. Societo Laborista por instruaj celoj subvencion de 15 milionoj da kronoj por la jaro 1927.

**Nova grupo „Verda Stelo".**

Kursfinintoj en Krakovo (Polujo) fondis novan grupon, kiun ili nomis „Verda Stelo". Preskaŭ ĉiuj anoj abonas nian monatan gazeton. Oficiala Esperanto-kurso okazas en Krakova Polica Lernejo sub gvido de D-ro Dreher.

**La Paska Konferenco en Prago**

pri la temo „Paco per Lernejo" okazos je pasko. Oficiala lingvo estos Esperanto. Aliaj lingvoj estos permesitaj, sed ĉio estos tradukata en Esperanton, tiel ke esperantistaj partoprenantoj povos sekvi ĉiujn traktadojn. Aliĝojn akceptas kaj ĉiujn pliajn informojn donas la Ĉeĥoslovaka Esperanto-Asocio, Praha 7, Socharská 333.

# Tra la mondo.

Ĉu vi scias, kio estas anaso? Laŭdire tio estas birdspeca besto, kiu scias flugi en aero, naĝi sur akvo, balance iri sur la tero, kiu ellasas ovojn kaj kiu havas malpli belan ol laŭtan voĉon. Sed ekzistas ankoraŭ alia speco de anaso, la t. n. „gazet-anaso" (iuj asertas, ke la nomo ne estas ĝusta, kaj ke „ansero" estus pli trafa, sed tion ni ne povas konstati). En la lasta tempo multaj tiaj anasoj naskiĝas en la notlibretoj de raportistoj kaj en la redakcioj de gazetoj, ĉar — ŝajne — post la granda milito ne plu okazas sufiĉe da sensaciaĵoj por interesi la publikon, tial oni devas mem krei sensaciojn. Anstataŭ plenigi siajn kolonojn per instruaj aŭ kulturigaj artikoloj, kiuj povus progresigi la homaron, ekzemple pri Esperanto, pri alproksimiĝo kaj kunlaboro de l' popoloj k. s., anstataŭ tio la gazetoj preferas eltrovi sensaciajn sensencaĵojn, nur por tikli la nervojn de siaj legantoj.

Tiel, ekzemple, okaze de tertremeto en Jugoslavio, kiun la loĝantoj mem apenaŭ rimarkis, oni raportis, ke ĝi kaŭzis la morton de tiom kaj tiom da centoj da homoj kaj grandan materialan domaĝon. Raportisto de verema germana revuo, speciale veturinta en la regionon de la tertremo, vane serĉis ĝiajn terurajn

sekvojn. Li nur sukcesis trovi ruinigitan bovejon kaj unu parte detruitan domon — jen ĉio.

Pli veraj, certe, estis la sciigoj pri la tertremo en Japanujo. La oficiala raporto de l' japana Ministerio de Interno informas, ke ĉe la lasta tertremo preskaŭ 2500 homoj perdis la vivon kaj ke 6000 domoj estas cindrigitaj.

Jus finiĝis en Ĝenevo, sub prezido de D-ro Stresemann, kunsido de l' Konsilantaro de Ligo de Nacioj, dum kiu oni interalie reguligis problemojn de l' Saarteritorio. La venonta kunsido okazos la 13-an de junio; la lokon oni ankoraŭ ne fiksis.

En Ĥinujo la situacio evoluiĝas tre malrapide. Ŝajnas, ke Ĉankajĉek, la gvidanto de la Kantonarmeo, provizore ne intencas ataki Ŝanhajon, sed ke liaj klopodoj direktiĝas al Nankin. Krom tio, inter la Kantonanoj mem regas diputo. Ĉankajĉek estas modera socialisto, dum liaj politikaj kontraŭuloj en la propra tendaro sekvas pli radikalan, komunistan direkton. La lastajn konsilas rusa generalo Borodin.

En Singapuro estiĝis tumulto okaze de manifestacio pro la datreveno de l' mortotago de Sunjacen. Ses ĥinoj estas pafmortigitaj, dekunu vunditaj.

La azia problemo ankoraŭ ne estas solvita. Male, ĝi nur **komencas** fariĝi aktuala.

# Prof. D-ro Ivan Ŝiŝmanov pri Esperanto.

(La sekvanta artikolo prezentas prelegon, kiun la fama bulgara universitata profesoro kaj D-ro de filologio dediĉis al la XII-a Bulgara Esperanto-Kongreso.)

Antaŭ dektri jaroj, dum 1912, invitite de la tiama, ankoraŭ ne forta studenta Esperanto-grupo, mi legis en la universitato de Sofio lekcion pri la temo: „Ĉu helplingvo internacia estas ebla kaj bezona?" En ĝi mi diris, ke tiu demando prezentiĝis al mi per tuta la trudo de vivproblemo jam dum 1887, kiam mi estis preparanta min al mia pordoktora ekzameno en Leipzig.

Tiutempe la lingvo internacia Esperanto ne jam estis konata, ĉar ĝia inventinto Zamenhof apenaŭ dum tiu sama jaro 1887 aperigis la gramatikon de sia lingvo internacia sub la pseŭdonimo **D-ro Esperanto**, kiu pseŭdonimo (interpretita: „homo, kiu esperas") baldaŭ trudiĝis ankaŭ kiel nomo de la genia inventaĵo.

Dum tiuj pasintaj jaroj oni propagandis alian internacian lingvon, la t. n. **Volapük** de la germana pastro Schleyer (pr. ŝlej'er), kiu lingvo aperas antaŭ ni nur kiel unu el la multnombraj maltrafaj provoj (pli ol ducent) solvi la malfacilan problemon okupintan jam depost la XVII-a jarcento tiom da geniaj pensuloj, sciencistoj kaj verkistoj, kiel Descartes (pr. deka'rt) kaj Leibnitz (pr. lej'bnic), la plej grandaj filozofoj de la XVII-a jarcento, kiel Voltaire (pr. volte'r), Diderot (didero') D'Alembert (dalambe'r), Montesqieu (monteskje'), Conte d'Orsay (kont dorse'), Kant dum la XVIII-a jarcento, kiel Nietzsche (ni'ĉe), Tolstoj kaj tiom da aliaj dum la XIX-a jarcento.

Mi konfesis en mia lekcio, ke ĝis 1887, kiam mi konatiĝis kun la principoj de Volapük de pastro Schleyer, mi havis, kiel tiom da aliaj ĉi-tage, grandan malfidon kontraŭ ĉiu provo pri verko de artefaritaj lingvoj. Tiu malfido kelkafoje atingis la limon de preskaŭa malamo organika.

Edukite en la spirito de la severa germana filologia scienco, pasia adoranto de la t. n. „sono-leĝoj", konvinkite pri ilia senescepteco, mi kredis fanatike, ke la lingvo estas organismo perfekta, kiel besto aŭ kreskaĵo, al kiu ni devas konduti ĉiam kaj ĉie kun estimo kaj pieco. Rezultaĵo de evolucio miljara, la lingvo estis por mi, la tiama romantikulo, ne ilo kaj funkcio, sed neatingebla idolo. Kaj ĉiu, kuraĝinta ĝin tuŝi, estis por eterne kondamnita antaŭ miaj okuloj.

Pasis tamen certa tempo, kaj la malamike agordita Saŭlo trovis sian vojon al Damasko. Kiel okazis tiu procedo de metamorfozo ĉe mi, tion mi ankaŭ rakontis tiutempe en mia lekcio. Mi konvinkiĝis antaŭ ĉio, ke la homa lingvo kaŝas en si ne nur pure sciencan, sed ankaŭ tre seriozan praktike- socian problemon, kaj ke la lingvo estas kreita por la homo, kaj ne male, ke la lingvo estas ilo de la penso kaj kiel tia ne pli sankta ol ĉiu alia instrumento: ne celo, sed rimedo; ke en la epoko de la fervojo, vaporŝipoj, senfadena telefonio kaj aviadiloj, en la epoko de la ĉiam pli evoluantaj rilatoj internaciaj, en la jarcento de la provoj por egaligo de l' monsistemoj, mezuriloj kaj pesiloj, kalendaro, en la jarcento de la ĉiam pli oftaj kongresoj internaciaj, kelkajn el kiuj mi ĉeestis, por konstati ankoraŭ pli bone la belecon de la rezultoj de l' Babilona turkonstruo, — ke en tiu jarcento devas troviĝi, ne povas resti netrovita ankaŭ rimedo por pli facila interŝanĝo de la pensoj. Ideo, esprimita multe pli frue de Nietzsche, la genia autoro de „Zaratustro" (en „Menschliches-Allzumenschliches" I): „La ellerno de multe da lingvoj estas necesa malbono", li tie ĉi diras. „Sed ĝuste ĝia troeco devigos la homaron trovi rimedon por helpi sin; kaj en ne malproksima estonteco ni havos **novan** lingvon, unuatempe kiel komercan kaj poste ankaŭ kiel lingvon de la spiritaj interrilatoj — kaj ni ĝin havos tiel certe, kiel iam estos ankaŭ aernavigado."

Nietzsche ambaŭkaze montriĝis profeto inspirita.

Duavice mi konvinkiĝis, ke Esperanto **tute ne** intencas, kiel mi ĝis tiam imagis, anstataŭi la apartajn lingvojn naciajn: danĝero, kiun eĉ hodiaŭ multaj timegas. Vere jam Leibnitz kaj Descartes dum la XVII-a jarcento revis inventi lingvon **universalan**, trudiĝontan al la tuta mondo, kion similan al la muziknota sistemo, aŭ al la algebraj kaj astronomiaj signoj, aŭ al la fizikaj kaj kemiaj formuloj. Esperanto tamen neniam celis tiajn kimerojn. Mi tre frue konvinkiĝis, ke la eltrovaĵo de D-ro Zamenhof antaŭmetas al si multe pli modestan taskon: doni al la popoloj kaj unuavice al la mezaj kaj malaltaj sociklasoj (komercistoj, metiistoj, laboristoj, vilaĝanoj kaj oficistoj), kiuj ne disponas tempon kaj eblon studi unu aŭ kelke da malsimplaj kaj modernaj lingvoj, doni al ili ekonomian, facile alproprigeblan rimedon, ebligantan al ili interkomuniki siajn pensojn kaj rilati inter si laŭ maniero plej rapida kaj plej oportuna.

Kaj fine mi vidis jam en 1887, kian elementan fortegon prezentas la ideo mem pri tutmonda helplingvo, unuigonta la popolojn ne nur sur la fundamento de iliaj pure materialaj interesoj, sed ankaŭ de la frateco, homeco kaj solidareco tuthomara.

Ekde tiu tago, de kiam ĉi tiuj tri argumentoj trudiĝis al mia penso ĝis tiam opozicie agordita, mi estis gajnita, kiel aliaj antaŭ mi (mi mencias nur Max Müller, unu el la plej geniaj lingvistoj de la XIX-a jarcento, Tolstoj, Nietzsche), por la genia verko de D-ro Zamenhof. Mi estis gajnita tiom pli, ĉar mi konvinkiĝis ankaŭ pri alio: nome, ke Esperanto tute **ne** estas lingvo artefarita en senco de **lingvo elpensita**, sed ke ĝi estas idiomo romana simpligita en siaj fundamentoj (ne vane kelkiu ĝin nomas la Latino de l' demokratio) kun fortaj germanaj kaj slavaj almiksaĵoj — idiomo, kiu konas neniajn esceptojn kaj kies tuta gramatiko estas presebla sur unu poŝtkarto kaj estas lernebla en du-tri lecionoj; — idiomo, propradire principe tiom artefarita, kiom artefaritaj estas ankaŭ la diversaj **literaturaj** lingvoj, kiuj (kiel ekzemple ankaŭ la bulgara literatura lingvo) staras sufiĉe malproksime de la vivantaj popolaj dialektoj.

La lastajn tri jarojn mi pasigis science laborante en eksterlando, plejparte en Germanujo. Kaj tie mi estis kuracata, feliĉe, de mia lasta dubo pri la taŭgeco de Esperanto. Mi konvinkiĝis, ke Esperanto estas lingvo ĉiurilate vivanta, kaj ne speco de filologia „homunculus". Mi konatiĝis en la urbo Freiburg, kie mi estis invitita kune kun unu sveda scienculo por prelegi lekciojn en la universitato, mi konatiĝis kun homoj, parolantaj Esperante en siaj familioj, kun siaj infanoj, kvazaŭ en gepatra lingvo. Mi vidis kaj aŭdis virojn pasie disputantaj en tiu lingvo pri la plej subtilaj filozofiaj kaj sociaj problemoj. Kaj fine mi konvinkiĝis, ke ĉe Esperanto ne mankas ankaŭ la **emocieca elemento**, ke Esperanto povas servi ankaŭ por la esprimo de la plej subtilaj, de la plej intimaj sentoj, esti ankaŭ **lingvo poezia**, io, pri kio (mi devas konfesi) multaj ankaŭ hodiaŭ dubas, estante alie eĉ firme konvinkitaj, ke Esperanto sin trudos kiel helplingvo internacia. Sed vanaj estas la duboj. Ĝuste



*Karnavalo en Köln (Kolonjo).*

***En tiu ĉi jaro oni denove festis en Köln la karnavalon per la konata Rozlunda Veturado, la unuan fojon depost 1914. La veturado allogis grandan nombron da fremduloj. Neniam, eĉ dum plej gravaj okazoj, Köln vidis en siaj stratoj tiom da popolo. La homoj kiuj volis rigardi la veturadon, nombris je centmiloj. Nia ilustraĵo montras groteskan veturilon el antaŭmilita veturado.***

# Landoj de l' Fantazio.

Romano originale verkita en Esperanto
de Teo Jung.

**Ekstrakto el la I-a ĉapitro.**

Venis vespero, ĝin vestis per silkaj
Arĝentofadenoj la lunaj radioj.
Aeron tratremas sopirmelodioj,
Kaj klik-klak, klik-klak
Faras remiloj de l' gondolisto.

Kun verdaj palmoj kaj blankaj palacoj
Marmoron banantaj en ondoj de l' lago
Ripozas Raspaza post brua la tago.
Nur klik-klak, klik-klak
Faras remiloj de l' gondolisto.

Trans la trankvilajn ondetojn alglitas
Gondolo portanta sopiron kaj amon.
Ĉu vi do ne vidis flirtantan la flamon?
Jen klik-klak, klik-klak
Faras remiloj de l' gondolisto.

Flamas ruĝetaj la torĉoj saluton
De brava Rosmar al la belamatino.
„Bonvenon, karulo, ĉe via princino!"
Kaj klik-klak, klik-klak
Respondas remiloj de l' gondolisto.

Kantas Liljada, milda blonda princino Liljada. Sidas ŝi sur altano de reĝa kastelo Rothoja alte super la lago, sonigas la kordojn de harpo kaj kantas. Vibras la kordoj de l' harpo, vibras la voĉ' animeca de l' milda princino, kiel profunde sur lago vibras arĝento de lunaj radioj, kiam zefira bloveto super ĝin spiras kaj ĝiajn ondetojn krispigas. Dolĉe sonas la ludo de l' milda princino, dolĉe ŝia voĉo serafa. Mirige sonore glitas ludo kaj kanto en la aŭskultantan vesperon; glitas malsupren al la misteraj akvoj de l' lago; glitas, mallaŭtiĝante, super tremantajn la ondojn, ĝis ili, preskaŭ nur spiro, sentebla pli ol aŭdebla, la blankmarmorajn palacojn sur transa la bordo atingas.

Je ŝiaj piedoj kaŭras Dagmija, ŝia favorata, tre juna sklavino. Ŝiajn grandajn, profundajn okulojn ŝi direktas al la princino, kaj ŝiaj oreloj ensorbas la dolĉajn melodiojn.

Milda blonda Liljada ludas kaj kantas. Dume ŝiaj okuloj trinkas la belecon de la lunbrila vespero. Ŝiaj rigardoj migras trans la lagon, sur kies alia bordo sin etendas la fabela urbo. Kvazaŭ ĝardeno de artefaritaj floroj, kreskintaj sub la animecaj manoj de die kreantaj artistoj.

Ĉion ĉi rigardas Liljada, la milda blonda princino: la lagon, la urbon, la montojn kaj la lunon. Kiom belega estas ĉio, kiom miriga kaj fabela! Tiom belega, ke ŝia animo preskaŭ ne povas teni la miraklaĵon. Ŝi ekĝemas, glitigas la harpon teren kaj per la maldekstra mano serĉas la kapon de Dagmija, kiu kaŭras je ŝiaj piedoj. Ŝi bezonas kunsentanton por ne plori pro tiom da beleco.

Kiom molaj estas la haroj de Dagmija! Kvazaŭ la mano karesus fasketon da silkaj fadenoj. Kaj kiom rava estas la vizaĝo de la knabino! La alta frunto, hele lumanta el inter la nigraj bukloj; la noble formitaj brovoj; la grandaj malhelaj okuloj, profundaj kaj esprimoplenaj malgraŭ ŝia juneco; la rekta nazo; la iom severeta buŝo — — ĉio atribuis por doni al la vizaĝo de Dagmija la brilon de perfekta, kvankam ankoraŭ ne tute matura beleco.

„Dagmija!" flustras la princino. „Vi estas bela!"

„Kiel vi mem, ho princino mia!" respondis la sklavino, kaj ŝiaj okuloj, ĉirkaŭprenante la figuron de la mastrino, lumis kiel du steloj sur nokta firmamento.

„Ne diru tion, Dagmija! Via beleco estas alia ol mia. La mia estas tiu de jam matura rozo; sed la via estas kiel burĝono, kiu jam diveniĝas la miraklon, kiun ĝi entenas, sed ĝuste pro sia netuŝiteco eĉ pli ravas."

Dagmija ridetis. Ŝi ĝojis pri la komplimento; sed ŝi bone sciis, ke tio ne estas nura komplimento, ke ĝi estas la vero. Kaj tiu ĉi vero feliĉigis ŝin.

„Ĉu estas granda sento, kiam oni estas amata?" ŝi subite demandis.

„Ĝi estas eĉ pli granda, kiam vi mem amas. Ĝi volus krevigi vian etan koron. Ĝi estas pli bela ol la milda vespero en la lunbril-teksita vesto, pli bela ol la marmoraj palacoj kaj kristalaj pontoj de Raspaza, pli bela ol la juvelradia krono de la majesta reĝo, mia patro, pli bela ol la milmil stelolampetoj fiksitaj sur la blunigra plafono de l' mistera nokto. Kaj mi — mi amas!"

Ŝiaj rigardoj glitis denove super la lagon, kvazaŭ serĉante. Subite ŝi ekstaris. Ŝian korpon vivigis streĉa vervo.

„Ĉu vi vidas la ruĝajn torĉojn jen malsupre?" ŝi demandis, montrante al du ruĝaj punktetoj profunde sur la lago.

„Estas li!" flustris la sklavino.

„Estas Rosmar![1])" kriis la princino, kaj ŝia voĉo tremis pro ĝojo kaj feliĉo. „Estas la amato! Li venas pli frue ol li promesis. Ho, koro mia!"

Dagmija leviĝis kaj foriris, ne atendante ordonon de sia mastrino. Baldaŭ ŝi revenis kun du same ruĝaj torĉoj. Unu ŝi donis al la princino, kaj ili ambaŭ svingis la torĉojn kiel signon, ke la amato estas rimarkita.

La du punktoj sur la lago proksimiĝis. Grandiĝis. Nun la knabinoj vidis, ke ili rapide moviĝas de unu flanko al alia kaj poste rondiras kvazaŭ flamantaj cirkloj. Rosmar signalas, ke li komprenis la signon de l' amatino.

„Venu!" diris la princino al sia favoratino.

„Ĉu mi alportu manteloin?" demandis Dagmija.

„Jes. Eble la venteto plifortiĝos, kaj la nokto eble fariĝos longa." La lastajn vortojn ŝi diris kun sopirema voĉo kaj kun rideto de feliĉo sur la lipoj.

Baldaŭ Dagmija revenis kun la manteloj, kaj ili malsupreniris la rokan vojeton, kiu de la altano kondukis krute al la laga bordo. La vojo ne estis sendanĝera; kelkloke nur unu homo povis paŝi sur ĝi. Kaj apud ĝia rando kaŭris malicaj koboldoj. Kaptis je la piedoj de la knabinoj. Volus ilin tiri trans la randon. Pereigi tiel junan vivon! Sed la knabinoj bone konis la vojon kaj ĝiajn danĝerojn. Sciis eviti la koboldojn. Kaj hodiaŭ, cetere, lumis la luno kaj la torĉoj, kiujn ili prenis kun si. Kaj la koboldoj koleriĝis pro sia malsukceso.

**Ekstrakto el la II-a ĉapitro.**

Miriga estas veturo sur la lunbrilumata lago en la silka vespero, kiam zefira venteto la ondetojn krispigas kaj ankaŭ, kvazaŭ ŝerce, kun la bukloj de la knabinoj ludas. Balzama trankvilo ĉirkaŭe. Nur la egalmezura klaketado de l' remiloj, kvazaŭ la pulsobatoj de tiu ĉi korpo facile glitanta trans la krispajn ondetojn. La ruĝaj torĉoj estis estingitaj. Anstataŭ ili du mildrozaj lampionoj balanciĝis de sub ŝnuro streĉita sub

ĉar ĝi estas portata de spirito de pura idealismo, Esperanto donas flugilojn al la junaj Esperanto-poetoj (inter kiuj jam estas grandaj talentuloj, kiel la hungaroj Kalocsay, Baghy k. a.), ilin inspiras por himnoj, kiujn ni delonge ne aŭdas en la liriko de la modernaj kaj de la plej modernaj. Kredo profunda je la homaro, je la progreso sonas ankoraŭ el la unuaj poeziaj provoj de Zamenhof mem.

Plenrajte oni povas do diri, ke eble hodiaŭ la esperantistoj, pravigante sian belan nomon, estas la solaj, kiuj per sia entuziasmo ankoraŭ subtenas la kredon pri pli bona estonteco, malgraŭ la teruraĵoj de la lasta tutmonda katastrofo, ĉe tio kredo, kiu ne estas nutrata nur de la ekskluzivaj interesoj de **unu** socia klaso aŭ de unu partio politika, sed brakumas la tutan homaron sen diferenco de nacieco, religio, sekso kaj aĝo — simile al unu ideala religio, al kiu tamen ne mankas ankaŭ la fundamento praktika. Ĉar realismo kaj idealismo estas en Esperanto plej dense kunplektitaj.

Jen estas, kial mi finos ankaŭ ĉi tiun fojon per la vortoj, kiujn mi direktis ankaŭ en 1912 al la bulgaraj esperantistoj: „Utinam[1]) la adeptoj de l' ideo pri lingvo internacia ĉe ni venku ĉiujn malhelpaĵojn aperantajn kaj aperontajn sur ilia vojo! Ili kredu, ke ili faras laboron belan, laboron noblan. Ili neflankiĝante paŝu laŭ sia vojo kaj ili memoru, ke ĝuste la plej fortaj socialaj ideoj komence renkontis la plej grandan reagon. Ili nedeiĝante marŝu antaŭen kun kredo je si kaj je sia afero. Ili havas kaj havos por si ĉiam kaj ĉie la simpation kaj la apogon de ĉiuj, al kiuj estas karaj la progreso tuthomara kaj la bono de la vastaj demokratiaj masoj de la socio."

El bulgara lingvo tradukis
**A. Grigorov.**

[1]) Latina vorto signifanta: Ho, ke . . .!

# El Scienco kaj Tekniko.

## Tekniko kaj Popolo.
## Tekniko kiel vera Ligo de Nacioj.

Laŭ pensoj de E. Bütikofer, Uzwil (Svisujo).
Esperantigita de Mudjekeewis.

La tekniko estas tiom intime kunligita kun la ĉiutaga vivo, tiomgrade bezonaĵo de la nuntempa civilizita homo, ke oni preskaŭ jam ne atentas ĝin, kiel ion tute kutiman, kaj nur tiam direktas al ĝi la rigardojn, kiam ĝi montras novajn vojojn, kreas rekordojn aŭ — kiel dum la milito — forĝas potencajn batalilojn. Sensaciaj rekordoj altiras ja ĉiam la atenton de l' nefakulo, sed samtempe ili deflankigas lin de la pli proksimaj bezonaĵoj kiuj ĉiuloke kaj ĉiutempe ĉirkaŭas la homan vivon. Fervojo, tramo, telefono, radio, telegrafio, filmo, fonografo, aŭtomobilo, motorbiciklo kaj aeroplano estas akiraĵoj kiuj pli kaj pli **proksimigis la popolojn** unu al alia. **La veran Ligon de Nacioj ne kreos politikistoj aŭ filozofoj, sed inĝenieroj kaj teknikistoj.** La tekniko laboras por la bonstato de l' homaro. Esceptoj ne pravigas kontraŭajn konkludojn. La tekniko estas eble la plej grava kultur-altigilo.

Bedaŭrinde la rolo de l' tekniko kiel pliigilo de l' kulturo ne estas ĝenerale respektata. Tro multe oni kutimiĝis rigardi la teknikon kiel portanton de rekordoj. Por ordinaraj homoj tekniko kaj materialismo estas kunlaborantoj. Laŭ ilia opinio la tekniko estas nur ilo, por pligrandigi — ekzemple — la tagan produkteblon de fabriko aŭ por plirapidigi la movon de ŝipo.

Ekzistas multaj gazetoj kaj ĵurnaloj kiuj preskaŭ time zorgas, ke la tekniko ne estu forigata el ilia kompostejo, sed el la kompostotaj manuskriptoj, ĉar ili pensas: La gazetaro zorgu pri „idealaj" valoroj; sed tekniko estas nuda „prozo", tro malmulte ideala.

En tiaj cirkonstancoj ne estas mirige, ke la granda amaso tute ne komprenas la rolon kiun havas la tekniko koncerne la plialtigon de l' homaro. Prave oni observas kun intereso la progresojn de l' aviado; sed en ili per si mem ankoraŭ ne konsistas la graveco de l' aviado por la homaro, sed pliĝuste en tio, ke tiaj flugadoj prezentas pioniran laboron, por pli mallongigi la distancojn kiuj apartigas nin de la plej malproksimaj partoj de l' tero. — La eblo sendrate transigi la voĉon kaj aŭdigi ĝin mil kilometrojn pli malproksime per aŭskultilo aŭ laŭtparolilo, estas per si mem pure teknika progreso; sed rilate al la homaro la graveco de l' radio konsistas en tio, ke ne ekzistas plu izoleco escepte de libervola, ke kamparano kvazaŭ ricevas domen la klerigajn prezentaĵojn de l' metropolo kaj ĝiajn muzikajn ĝuojn, ke lumturisto malgraŭ sia izoleco sin sentas kunligita kun la cetera mondo. — La radio pruvas klare, ke la nura teknika progreso ne ĉiuokaze kaj tuj estas rigardota kiel kultura progreso. Per la elpenso de l' sendrata telefonado sendube la problemo estis solvita. Por la homaro la afero fariĝis grava nur tiam kiam je etaj kostoj riceviloj estis aĉeteblaj aŭ pretigeblaj per la interesatoj. La tekniko devas esti ekspluatebla **ĝenerale**, por ke ĝi efiku kultur-altige. Ofte tio estas financa demando.

Lasttempe oni sciiĝas pri grandegaj lokomotivoj kiuj produktas pli ol 1000 Ĉ. P. (H. P.) kaj kapablas suprentiri sur krutaj linioj pezajn vagonarojn kun komercaĵoj. Legante tion la plej malmultaj homoj konscias, ke nur la elpenso de l' fervojo ebligis vojaĝojn en malproksimajn landojn, ke do la **lokomotivo** por la **proksimiĝo inter la popoloj** kaj por la reciproka kompreniĝo faris pli multe ol ĉiuj filozofoj kune antaŭ ĝi; la plej malmultaj homoj konsideras, ke la lokomotivo nur estas ilo, por proksimigi al ni la sudon, la sunon, la glacion, la montojn, la ebenaĵon kaj la arbarojn.

Ĉi tiuj ekzemploj sufiĉu. Ne en la rekordoj, sed en la ĉiutaga ekspluateblo konsistas la graveco de l' tekniko por la popola bonstato. Ni vivas en la epoko de l' tekniko, sed ne en la epoko de l' kompreno pri la tekniko. Ĉi tiun lastan akceli estas dankinda tasko kaj ankaŭ la celo de tiu ĉi artikolo.

### Giganto inter la „nubgratuloj".

La tekniko almilitas ĉiam pli grandajn taskojn. Teknikaj entreprenoj kaj konstruaĵoj, kiuj antaŭ dekdudek jaroj ankoraŭ elvokis nian admiron, estas enombrigataj de novaj, pli grandiozaj entreprenoj. Tiel en Novjorko ekestas „nubgratulo", kompare kun kiu eĉ la plej altaj ĝisnunaj domegoj aperos kiel pigmeoj. Tiu giganto inter la „nubgratuloj" estos la t. n. Larkin-turo, kiu havos 110 etaĝojn. La unuaj 12 etaĝoj leviĝos kun glata fronto. De la 12-a ĝis la 18-a etaĝo la fronto trifoje retiriĝas, tiel ke estiĝos tri ŝtupoj. Sur tiu bazo leviĝos turo, kiu montros sep ŝtupojn, tiel ke kun ĉiu ŝtupo ĝi maldikiĝos, ĝis la pinta supro. La kostoj de la nova „nubgratulo" estas taksitaj je 18 milionoj da dolaroj.

### La tabuletoj de Ĥiti trovitaj en Turkujo.

D-ro Emil Forrer, el la universitato de Berlino, sukcesis deĉifri la famajn tabuletojn trovitajn de arkeologo germana Hugo Wlakler en Malgranda Azio dum arkeologia elfosado. Ĉi tiuj tabuletoj entenas korespondaĵon de unu el la reĝoj de l' Ĥiti, antikva popolo, kiu fondis potencan imperion en Malgranda Azio antaŭ la civilizacio de l' Fenikoj.

Prof. Friss, kiu ankaŭ studis tiun enskribon, asertas, ke ĝi renversas la tutan scion kiun oni havis pri tre malproksima pasinteco en la historio de Oriento. Ĝi donas tre vivan bildon de Greklando

## Prologo

okaze de la 25-jara jubileo de Unua Esperanto Unuiĝo en Wien la 4-an de marto 1927 en kafejo Schellinghof.

En tiu ĉi moment' solena,
El koro tute ĝojoplena,
Gefratoj, ni salutas vin
Kaj dankas, ke vi nin komprenis
Kaj laŭ la invitilo venis;
Jus pasis jaroj dudekkvin
De tiu memorinda tago,
Je kiu per fervora ago
De kelkaj anoj, ho feliĉ'!,
Fondiĝis laŭ komuna volo
La Esperanto-Unuiĝ'.
Por tiun tagon rememori
Kaj ĝian datrevenon glori
Konvene kiel eble plej,
Ni staras, por en frata rondo
Ĝin manifesti al la mondo,
Hodiaŭ en ĉi tiu ej';
Ĉar ĉio, kion Dio kreas,
Post kelka tempo jubileas,
Eĉ ankaŭ ĉiu asoci'.
Do nia estas tute prava,
Se pro motivo tiel grava
Nun jubileas ankaŭ ĝi.
Jes, jubileas ĉiu homo,
Ĉu ekster aŭ ĉu en la domo,
Laŭ sia propra manier',
Post longa aŭ mallonga paŭzo,
Kun iu aŭ neniu kaŭzo;
Dependas de la karakter'!
Ekzemple la dentist' pro dentoj,
La advokato pro klientoj,
Ŝuisto pro kelkcenta ŝu';
La fianĉin' pro mila kiso,
La bankrotist' pro kompromiso,
Kaj tiel plu, kaj tiel plu.
Do nia unuiĝo same
Decidis festi laŭprograme
Ĉi tiun tagon de la fond'.
Kaj la estraro ne hezitis
Kaj kore ĉiujn vin invitis
Pasigi ĝin en nia rond'.
Sed nun mi petas, ke vi uzu
La tempon kaj vin bonamuzu
De la komenco ĝis la fin'.
Nur se vi estos plenkontentaj
Kaj ne pro la alveno pentaj,
Jen vi ĝojigos ankaŭ nin!

Verkis Kolonelo Zwach.

Rim. de Red. — Ni publikigas ĉi-supran „Prologon" pro ĝia bonhumora enhavo kaj supozante, ke ĝi ankaŭ povos servi al aliaj esp. societoj ĉe simila jubilea okazo.

la kanplektita tegmento, kiu etendiĝis super la posta angulo de la boato. Eĉ ili estus superfluaj, ĉar la preskaŭ plena luno verŝis la lumon je larĝaj kaskadoj; sed estis kutimo havi la lampionojn en la veturiloj. Cetere ili donis tiel festan aspekton kaj kreis tiel agrablan, intiman atmosferon.

En tiu posta angulo sidis Kosmar kaj Liljada intime unu apud la alia. Ŝia kapo ripozis sur lia brusto, per la dekstra brako li tenis ŝian talion kaj per la okuloj li serĉis, trans ŝian kapon, la malproksimon. Sopiremo kaj nobla kuraĝo nun estis en lia rigardo.

Je iliaj piedoj kaŭris la sklavino. Ŝiaj rigardoj estis direktitaj al la okuloj de la juna viro. Oni povis en ili diveni admiron kaj iom da scivolemo, sed nenion pli. Ŝi estis kontenta pri la feliĉo de sia amikino.

„Liljada!" flustris la junulo, ne forturnante la rigardon de la malproksimo.

Ŝi levis la okulojn.

„Vi rigardas la malproksimon kaj tamen pensas pri mi?"

„Ambaŭ estas allogaj: kaj la malproksimo, kaj vi!"

„Viaj pensoj serĉas la fantaziajn landojn, pri kiuj rakontas maljuna Haĝi Aĥmed, la fremdulo . . ."

„Hodiaŭ dum la prezentado mi aŭdis poemon pri tiuj landoj."

„Ĉu estas vere, ke tie ekzistas urboj, kiuj ne trovus lokon en nia tuta lago? Ke tie loĝas homoj pli dense ol formikoj en formikejo?"

„Oni rakontas. Nenombreblaj ili estas. Unu el iliaj urboj enhavas pli multe da loĝantoj ol nia tuta lando! Kaj estas multe da tiaj urboj."

„Sendube ili estas grandaj sorĉistoj. Mi aŭdis, ke ili konstruas naĝantajn urbojn, kiuj naĝas sur nekredeble vastaj lagoj."

„Jes, kaj ili bezonas tutan lunperiodon por transnaĝi tian lagon," daŭrigis Rosmar.

„Oni ankaŭ rakontas, ke ili havas grandajn tubojn, per kiuj ili blovas tiel forte, ke okazas fulmotondro kaj ke muroj renversiĝas . . ."

„Kaj ke ili mortigas sin reciproke per teruraj bataliloj."

„Kiaj barbaroj! Ke ili neniam eltrovu nian landon!" ekkriis Liljada. „Eble ili mortigus ankaŭ nin."

„Ne timu!" respondis Rosmar al la terura supozo de sia amatino. „Kaj entute, kiel ili enpenetru nian landon? Neniam ili sukcesos, grandnombre transpaŝi la Muron de Dio. Kaj kio koncernas iliajn blovtubojn kun fulmo kaj tondro, tiu ĉi Muro de Dio estas tiom fortika, ke ili neniam sukcesos forblovi ĝin, aŭ ili devus esti pli fortaj ol la Granda Spirito mem."

Tamen la »sorĉistoj de la fantaziaj landoj« jam sin preparis por eltrovi la kaŝitan landon, ĉar ne toleris ilia ambicio, ke ekzistu sur la terglobo regiono ne esplorita de ili. Ili jam ne bezonis »forblovi la Muron de Dio«, ili jam scipovis konstrui artefaritajn birdojn kaj sin konfidi al ties dorsoj, por facile transflugi eĉ la plej altajn kaj plej fortikajn murojn. Sed provizore tiu danĝero ankoraŭ ne estis minacanta. Ĉar eltrovi la landon kaj konkeri ĝin per bataliloj, estas malsamaj aferoj.

Alia danĝero, pli proksima, minacis la feliĉon de la juna paro.

Kiam ili estis atingintaj la Insulon de la Larmoj de l' Feliĉo kaj tie promenadis, opiniante ke ili estas tutsolaj — eĉ Dagmija restis ĉe la gondolo, dum la geamantoj malaperis inter la boskoj de l' insulo —, el post la trunko de iu arbo ilin observis du akraj okuloj. Niaj amikoj ne estis atentintaj, ke nigra gondolo de malproksime ilin sekvis. La nigra gondolo albordiĝis la insulon je alia flanko, kaj el ĝia malluma ventro elrampis malhela ombro kaj malaperis inter la boskoj.

### Ekstrakto el la V-a ĉapitro.

Dagmija ĝuas nekonitajn plezurojn. Instinkte ŝi sentas la simbolecon de la kolorludado antaŭ siaj okuloj. La multkolora komenco — tio estas la batalado de la bonaj kaj malbonaj spiritoj de tiu ĉi tero, el kies sino ŝi naskiĝis. La bluo — tio estas ŝia serena vivo, pura kaj virgeca kiel la klara sennuba ĉielo. La ruĝo — tio estas la sango de ŝia koro, kiu flamas renkonte al la plej alta feliĉo de tiu ĉi mondo, al la intima kuniĝo kun alia koro. La oro — tio certe estas la glora amo, pri kiu al ŝi rakontis Liljada, la amo, kiu harmonie miksiĝos kun la ruĝo de ŝia korsango, kaj kiu venkos ĉion kontraŭan, ĉion malagrablan: la verdajn serpentojn de envio kaj malamo kaj la nigrajn fantomojn de zorgo kaj suferoj, kiuj eble volos minaci ŝian feliĉon.

Jen la oro denove densiĝas, naĝas en la korruĝa sango kiel brila punkto, turniĝas ĉirkaŭ ĝin, ĝiaj cirkladoj fariĝas pli kaj pli vastaj . . . Kaj nun ĝi staras kiel glora aŭreolo, kaj elpaŝas el ĝi la figuro de altkreska viro; sed li ne estas ano de tiu ĉi popolo, estas viro kun blanka haŭto kaj en nekutimaj vestoj. Li havas blondajn harojn kaj helajn, bluajn, radiantajn okulojn, per kiuj li fikse rigardas la knabinon.

Kia rigardo, ho! Ĝi estas kore bona, kaj tamen ĝi penetras sur la fundon de l' animo. Ŝi volus forturni siajn okulojn, sed ne povas. Kvazaŭ ensorĉite, ŝi devas elteni tiun rigardon, kaj en sia koro ŝi sentas ion strangan — tiel strangan, ke ŝi ne povas difini ĝin. Neniam ŝi sentis ion tian. Kvazaŭ ĝi levus ŝian animon al ĉielaj altaĵoj, kvazaŭ ŝi ne povus teni ĝin en sia eta koro. Sed tiu sento estis tiel grandioza, tiel ĝojiga, ke — kun tiu sento — ŝi volonte nun volus dissolviĝi en la Grandan Eternecon.

Kaj la fremdulo paŝis al ŝi — ankoraŭ lia rigardo ne lasis ŝin. Li staras antaŭ ŝi. Lia rigardo diras al ŝi ion, kio ŝin supermezure feliĉigas. Ĝi nun enhavas pasian petegon kaj samtempe nekontraŭstareblan ordonon. Kaj ŝi ja tute ne volas kontraŭstari, ŝi volas perfekte droni en tiu marprofunda sento, volas esti unu kun ĝi, kiu estas — ŝi sentas — apartenaĵo de tiu neniam komprenita kaj neniam komprenebla Ĉiamo kaj Neniamo, kiun oni nomas Eterneco. Kaj per siaj propraj okuloj ŝi esprimas la respondon kaj — la konsenton. Tiam ŝi sentas sin kuŝanta en liaj brakoj, sentas lian koron bati kontraŭ la ŝia, sentas varmajn lipojn pasie tuŝi la ŝiajn . . . kaj estas senlime, supermezure feliĉa . . .

Krio tratranĉas la nokton, akre tratranĉas la majestan trankvilon de la naturo, tranĉas la fadenon de l' sonĝo de la knabino ĝuste en la momento, kiam ŝi ŝvebas en la serafaj regionoj de l' Eterna Amo. Kaj ŝi kvazaŭ falas el inter la steloj.

Ankaŭ la gondolisto vekiĝis. Ambaŭ eksaltas. Duafoje la krio tranĉas la aeron. Kio okazis?

1400 jarojn antaŭ Kristo, tio estas 700 jarojn antaŭ la epoko de Homero, antaŭ kiu la historiistoj pensis ne ebla iun historian eltrovon.

Greklando, pri kiu parolas la reĝo de l' Ĥiti en traktato, kiun li efektivigis kun monarko tiam reganta en Helado, estis tutmonda potenco egala al Egipto kaj Babilono, kaj ne nacieto limigita al Balkana duoninsulo. La regno greka etendiĝis tiam malproksimen trans Malgranda Azio. La deĉifritaj tabuletoj informas nin, ke la fondintoj de ĉitiu regno estis lertaj maristoj. Ili fondis bazojn por koloniigo, kaj tiuj ebligis poste penetron en la fundon de Malgranda Azio.

Nomoj de urboj cititaj de Homero, kaj kies ekzisto estis disputata de sciencistoj, estas menciataj en la skribaĵo. D-ro Forrer promesis baldaŭ publikigi la tradukon. Tereza Y e l l a n d.

# Opinio pri Esperanto.

**La fama aktorino s-ino Mistinguett.**

S-ro Houbard, direktoro de „La Movado", intervjuis la faman Parizan kantistinon, s-inon Mistinguett el „Moulin Rouge", al kiu li sciigis, ke la „Suno Hispana" malfermis konkurson por la plej bona traduko de „Valencia".

Jen kion s-ino Mistinguett skribe respondis al s-ro Houbard:

„Kara Sinjoro,

Mi, kiu parolas kelkajn lingvojn, bedaŭras konfesi al vi, ke mi ne scias Esperanton, sed ĉar vi bonvolas interesiĝi pri mia kreaĵo »Valencia«, diru, ke tuj post la ripetoj de la revuo »Ça . . . c'est Paris«, kiuj retenas min tage kaj nokte en »Moulin Rouge«, mi faros ĉion eblan por lerni lingvon, kiu devas helpi al la alproksimigo de la popoloj kaj al la universala paco."

# Diversaĵo.

**Ankoraŭ ekzistas aventuroj.**

Jes, ankoraŭ ili ekzistas, sed ne nur por malriĉuloj kaj mizeruloj, kiuj per propra kapablo aŭ per hazardo akiras postenojn aŭ riĉaĵojn, pri kiuj ili eble ne sonĝis. Ekzistas ankaŭ aventuroj tute kontraŭaj kaj malpli agrablaj ol aventuraj, kiam homoj sur eminenta loko falas en la profundecon de l' ordinara burĝa aŭ proleta vivo, kiam reĝidoj fariĝas vojaĝistoj por asekuroj aŭ vinkomercejoj, kiam altrangaj princoj akceptas oficon de konferencisto en kabareto, de privat-instruisto aŭ de ŝofero, se ili ne fariĝas stratvagantoj aŭ almozuloj. Nun oni aŭdas, ke nepino de Abdul Hamid, iama sultano de Turkujo, la princino Lethi, akceptis la profesion de vojaĝistino por Pariza domo de modoj. Nuntempe ŝi troviĝas en Ateno, kie ŝi aranĝis ekspozicion de la plej novaj modaj kreaĵoj de sia firmo. Kiel konate, la gemembroj de la dinastio de Abdul Hamid estas senproprigitaj kaj ekzilitaj, kaj multaj princoj kaj princinoj de l' osmana sultana domo nun devas mem perlabori sian vivon.

**Admiralo por malarmado — en Japanujo.**

Laŭ Mondjunulara Ligo, admiralo Kabayama, kiu intertempe eksiĝis el sia ofico, publikigis en „Japan Times" (Tokio) artikolon por la forigo de la grandaj batalŝipoj kaj de la submaraj ŝipoj, por la limigo de la nombro de l' ceteraj militŝipoj kaj por la forigo de l' aeraj militfortoj. Laŭ lia opinio la kredo pri la neceseco de l' potenc-ekvilibro kun Usono kondukos Japanujon al financa ruino, malgraŭ ĝiaj grandaj progresoj en industrio, edukado kaj administrado.

**Publika edukado en Hindujo.**

Laŭ lastaj statistikoj la loĝantaro de Hindujo nombras ĉ. 320 milionojn. La tuta nombro de la studanta junularo en 1924/25 estis nur 9 797 344. Do nur parto de la junularo studis, ĉar la junularo en lerneja aĝo formas 15 % de la tuta loĝantaro. Por ĉiu lernanto la registaro en Kalkuto elspezis ĉ. 10 cendojn usonajn, dum en Usono la elspezo po kapo en publikaj lernejoj estas 16,25 dolaroj. R. I. R.

**Amromano en dekunu vortoj.**

La plej mallongan amromanon iam verkitan publikigis Londona jurnalo sub rubriko, destinita por la okazaĵoj en la socio. La romano tekstas: Canoe (boato), Couple (paro), Cupid (dio de amo), Congratulations (gratuloj), Car (veturilo), Church (preĝejo), Choral (ĥoro), Cake (kuko), Champagne (ĉampanvino), Confetti (papera festornamo), Continent (edziĝa vojaĝo al la kontinento).

**Kiom da diversaj skatludoj estas eblaj?**

Jen la respondo: 2 753 294 408 504 640. Por bone kompreni la grandecon de tiu ĉi nombro, servu sekvanta klarigo: Se estus 50 milionoj da skattabloj, do 150 milionoj la ludantoj, kiuj ludus senĉese tage kaj nokte, t. e. kun enkalkulo de unu minuto por ĉiufoja miksado kaj disdonado de la kartoj, ili bezonus 104—105 jaroj, por ke ĉiu ebla ludo estu nur unufoje ludata. -ch-.



**Belega ebura monumento,**
kiu nun estas apartenaĵo de la firmo Lassen en Grenaa (Danujo), kiu ĝin aĉetis antaŭ du jaroj en vendejo de antikvaĵoj en Kopenhago. La monumento estas vera artaĵo kaj havas altecon de preskaŭ du metroj. Laŭdire ĝi iam estis posedaĵo de bavara reĝo. La nuna posedanto volonte ekscius ion pli precizan pri la deveno de la monumento. Samideanoj, kiuj povas doni tiurilatan informon, bonvolu skribi al s-ino Magda Mammen, del. UEA, en Grenaa (Danujo), kiu volonte tradukos alvenontajn poŝtkartojn kaj leterojn kaj per ili propagandos Esperanton.

# Lingva tasko.

**Solvo**
el la februara numero.

Sur la boato staris granda malhela ombro. Ĝi tenis longan stangon. La stangon ĝi metis sur la plankon de la boato, spione rigardis ĉirkaŭen, murmuris ion en sian barbon kaj poste sin mem kuŝigis apud la stangon en la ventro de la boato. La ombro estis viro.

(Nova „Lingva tasko" troviĝos nur en la aprila numero.)



# La granda mizero de l' internacia Montmartre.

Ĉu vi scias, kio okazas? — Loulou, Nana, Dédé kaj Zizi, ĉarmaj noktulinoj, kies nuraj nomoj estas tuta programo, tre serioze intencas vendi siajn peltomantelojn! Jes, tute simple, por kelkaj biletoj ili nun lasos al ruza brokantisto tiujn grafinajn vestaĵojn, kiujn lastjare al ili pagis usonaj dolaroj. Aŭ svisaj frankoj. Aŭ anglaj funtoj. Aŭ holandaj guldenoj. Aŭ germanaj markoj. Aŭ . . . aŭ . . .

Ĉar la atmosfero ŝanĝiĝis sur Montmartra monteto. Post bomba festado nun tomba fastado!

La nokt-kabaretoj ne estas plu plenplenaj. Kaj se ankoraŭ la pordisto estas ruso, la kelnero italo, la dancistino hispanino, la violonisto ĉeĥoslovako, la saksofonisto negro, — la kliento estas . . . nur franco! Banala franco.

Kaj en tiuj templo, kie ankoraŭ antaŭjare floradis lerte kulturita snobismo, kie riĉaj eksterlandanoj „studis" Parizon, kie konsciaj usonanoj filfidele memoris la „dry"-econ de sia libera respubliko drinkante nur la plej „dry"-an „extra-dry", kie severmoraj angloj gustumis plenbuŝe Parizan diboĉon, nur por sperti, ĉu estas vere kion oni legas en romanoj, — en tiuj templo aristokrata ĉampano kostas hodiaŭ 70 frankojn anstataŭ 200! Kaj se la lasta kliento ne baldaŭ multobliĝos kun kunikla rapideco, certe alvenos la tempo, kiam senkonsola mastro denove cedos al postuloj de l' vivo kaj tiam eĉ splena proleto povos por du franketoj akiri en mondumaj noktaziloj honestan duonon da alsaca biero!

Ĉar amase la fremdlandanoj forlasis Parizon, kaŭz' al revaloriĝo de l' franca valuto. Kaj nur la fremdlandanoj vivigis tiujn kabaretojn, kie komprenema polico toleris, kion aliloke severa kontrolo neniam sukcesis malhelpi. Tiu flanko de Montmartre neniam estis speciale franca. Ĝi estas internacia. Internacia per siaj malvirtoj, internacia per siaj aktoroj kaj publiko. De Francujo ĝi havas nur la vinon kaj nehipokritan toleremon.

Ĝi pereas. Kaj poste?

Montmartre ne mortos, ĉar ĝi havas aliajn flankojn pli interesajn. Sed eble de nun la nokto estos pli pura kaj la stratoj pli silentaj. Fine mi povos dormi seninterrompe ĝismatene.

Raymond Schwartz, Paris.

## La poeto.

De E v i K o h n.

La suno aperis frumatene kun rideto sur la lipoj kaj kun vasta donacema mano disĵetis torentojn da lumo kaj radioj tra la tuta mondo.

Falis kelkaj radioj en koton.

Ekvidis ĉi tion la poeto, ekdoloris lia koro, kaj li murmuris:

— Radioj en la koto! . . .

Ekaŭdis tion la suno kaj al li respondis:

— Mi semas lumon tra la tuta mondo — tio estas mia devo. Kaj vi iru serĉi la radiojn en la koto — tio estas **via** misio . . .

El juda lingvo tradukis
J. Jurysta.

# Enigma konkurso.

**For fari pli interesa la solvon de la enigmoj en Verda Stelo, ni fiksas premiojn por la ses abonantoj, kiuj ĝis la fino de tiu ĉi jaro solvos la plej multajn enigmojn, komence de la hodiaŭa numero. La premioj konsistos en po unu ekzemplero de la romano: Teo Jung, Landoj de l' Fantazio, en formo de libro. La solvoj de la enigmoj en la hodiaŭa numero devos alveni ĝis 20. 4., el transoceanaj landoj (escepte de Nord-Ameriko) ĝis 20. 6.**

**1. Silab-enigmo.**

as, bro, e, e, en, har, ĵo, ki, ko, li, li, li, lo, mo, mo, ne, o, op, po, sa, ti, ti, to, tu, ver, zi, zo.

El ĉi-supraj 27 silaboj estas formotaj naŭ vortoj, kies komencliteroj, legataj de supre malsupren, nomas famulon, kies 100-an mortotagon oni festas en tiu ĉi monato; la kvaraj literoj, legataj de supre malsupren, nomas la profesion de tiu ĉi famulo.

La vortoj signifas: 1. kemia elemento, 2. emocio, 3. virina antaŭnomo, 4. arbo, 5. agrikultura ilo, 6. lumfiziko, 7. poemo, 8. elektitaro, 9. parenco.

**2. Krucvort-enigmo.**




La **horizontalaj** vortoj signifas: 1. ekonomia batalo, 6. viandaĵo, 9. utila insekto, 11. ludilo, 13. kemia elemento, 17. plej konata Esp.-libro.

La **vertikalaj** vortoj signifas: 1. korpoparto, 2. adverbo, 3. finaĵo kondiĉa, 4. eŭropa riverego, 5. finintenco, 7. arbo, 8. nombro, 9. parto de cirklo, 10. sufikso, 11. oni ĝin faras ofte dum milito, 12. vesta materialo, 14. tera supraĵo, 15. participa finaĵo, 16. prepozicio.

Ĉiuj vortoj sen gramatika finaĵo.

**Solvoj el n-ro 2.**

1.

1. Mikroskopo, 2. amuleto, 3. nordo, 4. orangutango, 5. muĝo, 6. alumeto, 7. Nilo, 8. ovo, 9. Nagasaki, 10. liano, 11. adjutanto, 12. vintro, 13. alaŭdo, 14. sesdek. — Mano manon lavas. — Kuraĝulo gajnas.

2.

**Horizontale:** 1. paradiz, 5. magazen, 8. trifoli, 12. kvindek.
**Vertikale:** 1. pom, 2. reg, 3. doz, 4. zon, 6. apr, 7. ebl, 8. drap, 9. ili, 10. ond, 11. ink.

3.

Porcelankomercisto.

# Nova Listo de Libroj

## haveblaj ĉe la Libreja fako de Heroldo, Horrem b. Köln (Germanujo).

**Kondiĉoj de liverado.**

Livero nur kontraŭ antaŭa pago (en Germanujo ankaŭ kontraŭ remburso). Por sendkostoj aldonu 10% de la pagota sumo, minimume 0.20 RM. (ĉe mendoj el Germanujo kaj Aŭstrio 5%, minimume 0.10 RM). Mendojn je minimume 10.— RM ni plenumas, ne kalkulante afrankon.

Nia poŝtĉeka konto: Köln 751 02 por Heroldo de Esperanto.

Unu RM = 1.25 sv. fk., 0.24 dol. aŭ egalvaloro.

### La verkoj de Zamenhof.

**Fundamento de Esperanto** (kvinlingva) . . . 1.—
**Fundamenta Krestomatio** . . . 2.50
**Fundamento de Esperanto.** Eldono franca-turka . 0.50
— Eldonoj flandra-holanda, greka, hungara, itala, rumana, ĉeĥa, armena, jud-hispana kaj hispana po . . . 0.40
**Lingvaj Respondoj** . . . 1.25
**Proverbaro Esperanta** . . . 1.25
**Andersen.** Fabeloj. Partoj I kaj II, po . . . 1.50
**Goethe.** Ifigenio en Taŭrido. Dramo . . . 1.50
**Gogol.** La revizoro. Komedio . . . 1.50
**Heine.** La rabeno de Baĥaraĥ. — **Ŝalom-Alejĥem.** La gimnazio . . . 1.—
**Molière.** George Dandin. Komedio . . . 0.75
**Orzeszko,** s-ino. Marta. Romano . . . 2.50
**Schiller.** La rabistoj. Dramo . . . 1.50
**Shakespeare.** Hamleto. Tragedio . . . 1.25

### El la Biblio.

**Eliro** . . . 0.75
**Levidoj** . . . 0.75
**La predikanto** . . . 0.25
**La sentencoj de Salomono, Genezo, Nombro, Readmono** kaj **La Psalmaro** estas elĉerpitaj.

---

### La Sankta Biblio.

**La Malnova Testamento, el la hebrea originalo tradukita** de D-ro L. L. Zamenhof kun **La Nova Testamento,** reviziita eldono.

Sur senligna papero, tole bind. . . . 6.—
Sur maldikega papero kaj kun ortranĉaĵo, tole bind. 8.50
En malhelruĝa ledo bind. . . . 12.50
Lede bindita kun ŝirmklapoj . . . 20.—

### Lernolibroj, vortaroj, legolibroj kaj verkoj pri Esperanto.

**Ada.** Rememoroj de esperantisto . . . 1.—
**Aymonier.** Grammaire complète . . . 0.75
**Aymonier kaj Grosjean-Maupin.** Versions. (Sekvo de Grammaire complète) . . . 0.75
**Bayol.** Esperanto et Croix-Rouge . . . 0.25
— (Elb). Esperanto und Rotes Kreuz . . . 0.75
**Bennemann.** Esperanto-Handwörterbuch.
I.: Esperanto-Deutsch. Bindita . . . 4.—
II.: Deutsch-Esperanto. Bindita . . . 8.—
— Tra la mondo. Internacia legolibro:
I.: Por komencantoj . . . 1.50
II.: Por progresintoj . . . 2.20
**Bildo de Zamenhof.** 25×32 cm. . . . 0.40
**Borel.** Praktika Frazaro . . . 0.40
— Vollständiges Lehrbuch der Esperanto-Sprache . 0.50
— Schlüssel zum vollständigen Lehrbuch . . . 0.50
**Brüggemann.** Unua legolibreto . . . 0.40
— Dua legolibreto . . . 0.40
**Brunulo.** Ni legu (legolibro de SAT) . . . 1.—
**Brühl.** Kurzer Lehrgang der int. Hilfssprache Esperanto 0.60
**Butin.** Esperanto-Leitfaden für den Kaufmann . . 1.—
**Butin und Jahn.** Esp.-Briefsteller für den Kaufmann . 0.80
**Ĉaĉe.** Esperanto, Gramatiko kaj Krestomatio. Por latvoj . . . 2.25
**Cart.** Vortaro de la Oficialaj Radikoj de Esperanto . 0.25
**Cart kaj Pagnier.** L' Espéranto en 10 leçons . . 0.50
**Cenijn. Ĉu katino?** (Por lernigi la esp. korelativojn) 4.50
**Christaller.** Deutsch-Esperanto-Wörterbuch Tole bind. 12.—
**Connor (Kreuz kaj Butin).** Germana-Esperanto Konversacia Libro. Bindita . . . 3.—
**Ĉefeĉ.** La elementoj kaj la vortfarado. Gramatiko kaj sintakso en Esperanto . . . 0.50
**Das Esperanto ein Kulturfaktor.** Kongreslibroj Zoppot 1912, Stuttgart 1913, Magdeburg 1925, München 1926, po . . . 2.—
**Degen.** Esperanto nach dem Fundamento von Dr. Zamenhof. Kleines Lehrbuch . . . 0.60
**Degen kaj Kötz.** Hirts Esperanto-Taschenwörterbuch (Esperanto-Deutsch und Deutsch-Esperanto) . . 1.20
**Dietterle,** Prof. Dr. Esperanto, I: Sprachlehre . . 0.90
— II: Uebungsstoff . . . 090
— Zur Rechtfertigung des Esperanto gegenüber seinen Kritikern . . . 0.50
**Fricke.** Universala legolibro . . . 1.40
**Gasse.** Kurso tutmonda laŭ la metodo natura . . 0.25
**Glück und Sos.** Vollst. Lehrgang der internationalen Hilfssprache Esperanto . . . 1.—
**Göhl,** Prof. Dr. Esperanto-Lehrbuch für Volksschüler, I: Sprachlehre . . . 0.90
— II: Sprechen und Lesen . . . 0.90
— Schlüssel zum II. Teil (Sprechen und Lesen) . . 0.70
**Goldschmidt** (Dietterle). Bildotabuloj por la instruado de Esperanto. Kartonita . . . 3.50
Bindita . . . 4.—
**Grosjean Maupin.** Oficiala Klasika Libro.
Franca, germana kaj angla partoj . . . 0.75
Itala, hispana kaj portugala partoj . . . 0.75
**Hitrov.** La deveno de Esperanto . . . 0.40
**Isle,** Rollet de l'. Provo de Marista Terminaro . . 0.75
**Kabe.** Unua legolibro . . . 1.30
— Vortaro de Esperanto (Esperanto-Esperanta) . . 2.—
**Koch.** La Esperantisto en Germanio . . . 2.—
**Kotzin.** Historio kaj teorio de Ido . . . 1.30
**Kreuz.** Esperanto in Handel und Verkehr. Alltägliche und kaufm. Gespräche, kaufm. Briefwechsel usw. 1.80
**Ladevèze,** R. de. Demandaro pri la historio, literaturo kaj organizajoj de Esperanto (Por ekzamenoj ktp.) . 1.20
**Lippmann.** Dr. Zamenhofs sprachliche Gutachten. Lingvaj respondoj . . . 1.50
**Loy.** Mehrsinnige deutsche Wörter in Esperanto . . 1.—
— Taschenwörterbuch Deutsch-Esperanto. Kart. . . 3.—
Bindita . . . 3.60
**Ma'gorn** kaj **Corret.** Internacia Radio-Leksikono 6 lingva . . . 1.25
**Mair.** Plena traktado pri la prepozicioj kaj la akuzativo 1.—
**Merchant.** Joseph Rhodes kaj la fruaj tagoj de Esp. en Anglujo . . . 2.50
**Migliorini,** B. kaj E. Esp. Legolibro . . . 1.—
**Minor,** Esperanto-Deutsches Handwörterbuch. Tole bind. 6.—
**Möbusz** (kunmetis). Dokumentoj de Esperanto . . 3.50
— Universala Esp. Lernolibro (por ĉiuj landoj) I. Por kursanoj . . . 2.—
II. Por kursgvidantoj . . . 1.50
— Vollständiges Lehrbuch der Welthilfssprache Esp. 2.—
— Schlüssel dazu . . . 1.50
**§ Oberrotman kaj Jung.** La lastaj tagoj de D-ro L. L. Zamenhof. Kun multaj ilustrajoj laŭ originalaj fotografajoj de la entombigo de D-ro Zamenhof . . 1.20
**Otto.** Elementarbuch zur gründlichen Erlernung der int. Hilfssprache Esperanto . . . 1.50
— Schlüssel dazu . . . 1.—
**Petro.** Kursa lernolibro laŭ la parola metodo (SAT-eldono) . . . 0.70
**Pfeffer.** Elektita esp. legaĵo . . . 0.40
— Esperanto in 10 Unterrichtsstunden . . . 0.25
— Lesebuch für Anfänger . . . 0.25
— Sprechen Sie Esperanto? . . . 0.25
— Wörterbuch Deutsch-Esperanto . . . 1.—
— Wörterbuch Esperanto-Deutsch . . . 0.25
**Privat.** Historio de la lingvo Esperanto . . . 1.60
— Karlo. Facila legolibro . . . 0.50
— Kursa lernolibro laŭ praktika parola metodo . . 0.80
— Vivo de Zamenhof . . . 2.50
**Rousseau.** Vade-Mecum de Internacia Farmacio . . 3.—
**Ŝapiro.** Babiladoj de bonhumora Zamenhofano . . 0.50
**Schneeberger.** Lernolibro de Esp. Stenografio (alfaro laŭ Stolze-Schrey) . . . 1.—
**Schönherr.** Ausführliches methodisches Lehr- und Uebungsbuch des Esperanto . . . 1.50
— Schlüssel dazu . . . 1.—
**Stache.** Metoula-Sprachführer Esperanto . . . 1.50
**Stark.** Elementar-Lehrbuch der Esperanto-Sprache . 1.50
— Wörterverzeichnis dazu . . . 0.50
**Steier.** Wörterbuch Deutsch-Esperanto und Esperanto-Deutsch. Bindita . . . 2.50
**Streidt.** Esperanto-Lehrbuch für Volksschulen
I: Unterstufe . . . 0.90
II: Oberstufe . . . 0.90
**Šupichová,** Julie. Esperanto. Mluvnice, vybor článku slovník Esperantsko-česky (Esperanto-lernolibro por ĉeĥoj) . . . 1.50
— Kniha česko-esperantské Konversace (Libro de ĉeĥo-esperanta Konversacio) . . . 1.50
**Šupichová.** Legu kaj parolu! Esperanta legolibro . 2.50
**§ Trarbach.** Teknika Vortareto por Pedagogio, Logiko kaj Psikologio . . . 0.35
**Vallienne.** Por kaj kontraŭ Esperanto . . . 0.25
**Velten.** Elementar-Lehrbuch der Esperanto-Sprache . 2.—
— Schlüssel dazu . . . 1.—
**Verax.** Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto . . . 1.—
**Wackrill.** Konkordanco de la vortoj de ekzercaro . 0.50
**§ Wiesenfeld.** Galerio de Zamenhofoj. Kun 18 portretoj, unu familia bildo kaj genealogia tabelo . . . 1.—
**William.** Legolibro. (Internacia anekdotaro) . . 0.80
**Wüster.** Die Verhältniswörter des Esperanto . . 1.25
— Enciklopedia Vortaro Esperanto-Germana. Ĝis nun aperis tri partoj, po . . . 15.—
— La Oficiala Radikaro (ĝis febr. 1923) . . . 0.75
— Maŝinfaka Esperanto-Vortaro Prielementa. Deutsche Ausgabe . . . 2.—
**Zamenhof.** Ekzercaro . . . 0.25

### Literaturo.

#### Prozo.

**Andersen** (Lederer). Bildlibro sen bildoj . . . 1.20
**Arpád** (Lengyel). Mallumaĵoj. Rakonto . . . 0.50
**Argus.** Pro kio? Kriminal-romano . . . 2.50
**Aventuroj de la Kalifo Harun Alraŝid.** El la „Mil kaj unu noktoj" . . . 0.25
**Avsejenko** (Medem). Fraŭlino Suzano. Novelo . . 0.90
**Balzac (Merckens).** La Vendetta. Novelo . . . 2.—
**Barbusse.** Eklumo en abismo . . . 0.80
**§ Blicher** (Bulthuis). Taglibro de vilaĝpedelo. Rakonto 0.50
**Bates** (Harris.) Stranga Idilio . . . 0.50
**Bennett (Wackrill).** Ok noveloj . . . 1.—
**Boirac.** Perdita kaj retrovita. Rakonto . . . 0.35
**Bonhumoraj rakontoj** de diversaj hungaraj aŭtoroj . 0.30
**Bonsels** (Sos), Ŝolandro . . . 1.—
**Bremon Masgrau.** Hejma prozo . . . 1.—
**§ Bukedo I kaj II.** Rakontoj de diversnaciaj aŭtoroj, po 0.50
**§ Bulthuis.** Jozef kaj la edzino de Potifar, aŭ: Idoj de Merkuro kaj Eroso. Originala romano. Du volumoj. Eroŝ. . . . 5.—
Ambaŭ partoj en unu volumo bindita) . . . 6.50
— Idoj de Orfeo. Romano . . . 4.—
**Byron.** Parizina . . . 0.50
**Carolfi.** La padova lilio . . . 0.80
**Ĉeĥov** (Hitrov). Rakontoj . . . 0.60
**Dickens** (D-ro Zamenhof). La batalo de l' Vivo. Bind. 1.50
**Drozdov** (Hohlov). Kruĉumo . . . 0.40
**Elin Pelin** (Atanasov). La familio Gerak . . . 0.50
**En katenoj de la maljusteco** (SATeldono) . . . 0.60
**En Svislando.** Kvin rakontoj kun ilustraĵoj . . 2.40
**Eroŝenko.** La ĝemo de unu soleca animo . . . 1.50
**Forge.** Abismoj. Romano. Broŝurita . . . 3.—
Bindita . . . 4.50
— Saltego trans jarmiloj. Romano. Bindita . . 5.—
**Gallon.** Tatterley. La historio de la mortinto. 200 pĝ. 1.—
**Gárdonyi** (Kalocsay). Du kokcineloj . . . 0.30
**Garŝin.** Signalo. Rakonto . . . 0.40
— (Boguŝeviĉ). Ruĝa floro . . . 0.25
**Gogol** (Fiŝer). Portreto. Rakonto . . . 1.40
**Hauff** (Wüster). La kantistino. Novelo . . . 0.80
— (Eggleton). La karavano . . . 1.50
**Hitrov.** Mia amiko . . . 0.50
**Houssaye** (Champion). La reĝlando de l' rozoj . . 0.50
**Ivn.** Ruĝo kaj Blanko (SAT-eldono) . . . 0.60
**Jokai** (Luczenbacher). Du noveloj . . . 1.—
**Jokai, Mikszáth, Herczeg** kaj **Molnár.** Ses noveloj . 0.30
**Kataluna Antologio.** Kompilita de Jaume Grau Casas. 9.—
**Krestanoff.** Bulgara Antologio . . . 4.—
**Kuprin.** Laŭroj. Fabelo. . . . 0.10
**La Kantoj de Salomono.** (Fred.) El la Biblio . . 0.25
**Laŭroj.** Kolekto da verkoj premiitaj . . . 1.20
**Lengyel.** Libro de l' humoraĵoj . . . 2.75
**Liem Tjong Hie.** Javaj legendoj kaj fabloj . . . 0.80
**Litova Almanako.** El litova penso,literaturo kaj vivo. 2.40
**London** (Kalisky). Ĥinago. Novelo . . . 0.50
**Luyken.** Pro Iŝtar. Romano. Bindita . . . 7.—
— Stranga heredaĵo. Romano. Broŝurita . . . 5.50
Bindita . . . 7.—
**Machar** (Fridrich). Benedek. Rakonto . . . 0.30
**Mahen** (Moraviaj Esp. Pioniroj). La koboldo Ondra. 0.75
**Maistre** (Meyer). Vojaĝo interne de mia ĉambro. Rakonto . . . 0.40
**Malfeliĉulo.** Sep rakontoj . . . 1.—
**Malnovaj paĝoj.** El Lingvo Internacia . . . 1.—
**Mangada Rosenörn.** Kolekto de kvin libretoj (Grabowski, Postrikolto; Mangada, Ferdinando VI kaj Farinelli; Mangada, Homaro; Mangada, Versaĵaro; Millán, Ŝipopereo) kune (ĉiu unuope po 0.20) . . 0.60
**Merchant.** Tri angloj alilande . . . 1.—
**Musset** (Champion). Sinjoro Vento kaj sinjorino Pluvo 1.—
**Orienta Blovo** (SAT-eldono) . . . 0.40
**Orzeszko.** s-ino (Kabe). La interrompita kanto . . 0.40
**Poe Edgar Allan** (Pride). La puto kaj la pendolo . 0.25
**Pogaĉiĉ** (Joziĉiĉ). Konfeso . . . 0.75
**Poruks** (Kikau). La vakciniuja krono. Novelo . . 0.35
**Prévost** (Vallienne), Manon Lescaut . . . 2.—
**Prus** (Kabe). La Faraono. Romano. Tri volumoj. Kune 6.—
**Retzel** (Siegel). Aventuroj de malspertulo . . . 1.20
**Reuter** (Ĉefeĉ). Kio povas okazi, se oni donacas surprize. Dua eldono. Ilustrita . . . 0.35
**Reymont** (Kabe). En fumejo de l' opio. Novelo . . 0.40
— (Kabe). La lasta. Rakonto . . . 0.25
**§ Rieck,** O. Oni ridas. Libro de humoraĵoj . . . 0.50
**Sadler.** Oraj leteroj en ses lingvoj. (Angla, franca, germana, itala, hispana, Esperanto) . . . 3.—
**Sinnotte.** Lilio. Rakonto. Bindita . . . 2.50
**Senoa** (Kolar-Krom). La trezoro de l' orajisto . . 3.—
**Tolstoj.** Dio unu por ĉiuj. Rakonto . . . 0.25
— Tri verkoj de Leo Tolstoj . . . 0.80
**Toussenl.** La morto de Blanjo . . . 0.60
**Tuglas** (Seppik). En la fino de la mondo. Rakonto . 1.—
— (Seppik). Kvin noveloj . . . 3.50
— (Seppik). Popi kaj Huhuu. Novelo . . . 0.50
**Wagnalls** (Payson). Palaco de Danĝero Bindita . . 6.—
**Wagner** (Meyer). Estu homo! . . . 0.80

#### Poezio.

**Baghy.** Pilgrimo. Poemaro. Broŝ . . . 1.20
Bindita . . . 2.50
— Preter la vivo. Poemaro . . . 2.—
**Balmont.** (Nekrasov). Blanka cigno. Poemo . . . 0.40
**Balucki** (Grenkamp). Kuzeto . . . 0.20
**Bayle** (Gego). La lasta ŝanco. Komedio . . . 0.50
**Beaumarchais** (Meyer). La barbiro de Sevilla. Komedio 0.40
**Bernard** (Moch). Angla lingvo sen profesoro. Komedio 0.50
**Bilhaud** (Doré). Solo de fluto Monologo . . . 0.25
**Brueys** kaj **Palaprat** (Evrot). Advokato Patelin. Komedio . . . 0.40
**§ Bulthuis** Malriĉa en spirito. Dramo originale en Esp. 0.50
**§ Butin.** Faŭsto. Komentario al la I-a parto . . . 0.25
**Ĉapek** (trad. moraviaj esp. pioniroj). R.U.R. (Rossumaj Universal Robotoj.) Dramo . . . 2.—
**Chateaubriand** (Deshays). Aventuroj de l' lasta Abenceraĝo . . . 0.50

Dobin (Skito). Granda bruo pro nenio . . . . . 0.25
Dreyfus (Sar). La vangfrapo. Komedio . . . . 0.40
Eyquem. La hundo parolanta. Burleska komedieto . 0.50
Feydeau (Doré). Kial ili estas famaj. Monologo . . 0.25
Frenkel. Verdaj fajreroj . . . . . . . . 0.80
Goethe (Barthelmess). Faŭsto . . . . . . . 1.20
Grenkamp. Krioj de l' koro . . . . . . 0.20
— Penseroj . . . . . . . . . . . . 0.40
Gual (Pujula Vallés). Mistero de Doloro. Dramo . . 1.—
Hankel. Sableroj. Poeziaĵoj kaj skizoj . . . . 0.60
Heine (Pillath). Atta Troll. Eposo . . . . . . 1.50
— (Pillath). Elektitaj poemoj . . . . . . 0.70
Heltai kaj Makaj (Kalocsay). Paĝio del l' reĝino. Komedieto . . . . . . . . . . . 0.30
Hitrov. Guto post guto. Versaĵoj kolektitaj . . . 0.60
Hoffmann (Applebaum). La Struvelpetro . . . . 1.40
Hohlov. La morto de la delegito . . . . . . 0.25
§ Jung. La Alta Kanto de la Amo . . . . . 0.80
Kalocsay. Mondo kaj koro. Poemoj . . . . . 0.30
Kaplan. Akordoj de Esperanto. Poemaro . . . . 0.40
Karinthy (Kalocsay). Morgaŭ matene. Dramo . . . 1.20
K. R. (Devjatnin). La reĝo Judea. Dramo . . . . 2.—
Bindita . . . . . . . . . . . . 2.50
Lermontov (Bela Manto). Novaj versaĵoj . . . 1.20
Lessing (Reinking). Minna de Barnhelm. Komedio . 2.—
Lessing (Karl Minor). Natan la Saĝulo. Dramo . . 2.—
Madách (Kalocsay). La tragedio de l' homo. Kun multaj artaj ilustraĵoj. Simpla eldono . . . . . . 4.50
Luksa eldono . . . . . . . . . . . 6.50
Mickiewicz. (Dobrzanki). Improvizacio de Konrad. . 0.25
Mickiewicz (Grabowski). Sinjoro Tadeo. Epopeo . 6.—
Molière (Legrand). Amfitriono. Komedio . . . . 1.25
Morton (Stewart). Boks & Koks. Komedio unuakta . 0.25
Ogrizovič (Rotkvič). Aŭtuna vespero . . . . . 0.25
Petöfi (de Kalocsay). Johano la brava. Popolfabelo en versoj . . . . . . . . . . . . 2.—
Privat. Ginevra. Dramo . . . . . . . . 0.80
Pujulà-Vallès. La rompantoj. Kvin monologoj . . . 0.50
Raimund (Zwach). La malŝparulo. Sorĉfabelo . . 2.—
Rhodes (Stewart). Bombasto furioza. Opereto unuakta 0.20
Richet (Couteaux). Sokrato. Dramo . . . . . 1.50
Rothau. Du rakontoj . . . . . . . . . 0.75
Schiller (Stewart). La nepo kiel onklo. Komedio en tri aktoj . . . . . . . . . . . . 0.35
Schwartz. Verdkata Testamento . . . . . . 2.—
Shakespeare (Currey kaj Ashley). La tragedio de reĝo Lear. Broŝurita . . . . . . . . . 3.—
— Bindita . . . . . . . . . . . . 4.—
— (Wackrill). La Venecia Komercisto. Dramo . . 1.50
— (Lambert). Makbeto. Dramo . . . . . . 1.50
Slowacki (Grabowski). Mazepa. Tragedio . . . . 0.75
Spaak (van der Biest). Kaatje. Dramo . . . . 1.50
Staff (Tuwin). Aŭtunaj agordoj. Poemoj . . . . 0.40
Svjentohovski (Leono Zamenhof). Aspazio. Tragedio. 1.50
Spicer. Kroataj poeziaĵoj . . . . . . . . 0.75
Wolski (Grabowski). Halka. Opero . . . . . . 0.75

### Esperanta Biblioteko Internacia.

(Prezo de ĉiu numero RM 0.40.)

1. Borel. Legolibreto.
2. Andersen (Skeel-Gjörling). Fabeloj
3. Orzeszko (Kabe). Bona Sinjorino. Novelo.
4. Sibirjak (Kabanov). Rusaj rakontoj. Fabeloj al Helenjo.
5. Cervantes (Pujula). Don Kiĥoto de la Manĉo en Barcelono. Kvin ĉapitroj el la verko.
6. Zamenhof. El la Biblio.
7. Zamenhof. El dramoj.
8. Zamenhof. El komedioj.
9. Borel. Praktika frazaro. Dialogoj el la ĉiutaga vivo.
10—11. Ĉif Toŝio. Japanaj rakontoj.
12. Apulejus (Pfeffer). Amoro kaj Psiĥe.
13. Vasov (Atanasov). Bulgaraj rakontoj.
14.—15. Ibsen (Bünemann). Reaperantoj. Familia dramo.
16. Borel. Komerca korespondo. (Frazaro).
17. Stolle (Borel). Konsiloj pri higieno.
18. Ruskin (Kellermann). La reĝo de la Ora Rivero, aŭ La nigraj fratoj.
19. Belly (Arntz kaj Butin). Sinjoro Herkules. Unuakta burleskaĵo.
20. Michell (Wendell). La lasta usonano.
21. Herczeg (Panajott). Hungaraj rakontoj.
22. Bandlow (Scheerpeltz). Nordgermanaj rakontoj.
23. Benavente (Inglada). Hispanaj dramoj.
24. Julien. (Lyona grupo). La instituto Millner.
25. Christaller, Helene (Christaller Wilhelm). Noveloj el la Nigra Arbaro.
26. Vigny (Meyer). La intervidiĝo kaj nekonita dialogo.
27. Zahn (Schmidt). La patrino
28. Pulvers. Elzasaj legendoj.
29.—31. Porchat (Borel). Taglibro de juna loĝanto de la Juro-montaro.
32. Schmidt. La amkonkurantoj.

### Internacia Mondliteraturo.

Kolekto de famaj verkoj el ĉiunaciaj literaturoj.
Prezo de ĉiu volumo RM 1.60, duobla volumo RM 2.50.
Ĉe samtempa mendo de minimume 5 laŭdeziraj volumoj la prezo estas po RM 1.20.
N-roj 1—5, 6—10, 11—15 kaj 16—20 aperis ankaŭ en kvar tole binditaj volumoj po RM 6.—.

1. Goethe (Küster-Dietterle). Hermano kaj Doroteo. Eposo idilia.
2. Niemojewski (Kuhl). Legendoj.
3. Turgenev (Mexin). Elektitaj noveloj.
4. Raabe, W. (Wicke). La nigra galero.
5. Hildebrand (Mees). El la „Camera obskura".
6. Irving (Elvin). El la skizlibro.
7. Chamisso (Wüster). La mirinda historio de Petro Schlemihl.
8. Stamatov (Krestanoff). Nuntempaj rakontoj.
9. Ŝalom-Aleĥem kaj Perec (Mučnik). Hebreaj rakontoj.
10. Puŝkin (Fiŝer). Tri noveloj.
11.—12. Ariŝima (Toogu). Deklaracio. Romano.
13. Poe (Milward). Ses noveloj el „Rakontoj de Mistero kaj Imago".
14. Balzac (Benoit). La firmao de la kato, kiu pilkludas.
15. Doroŝeviĉ (Hohlov). Orientaj fabeloj.
16. Sienkiewicz (Lidja Zamenhof). Noveloj.
17. Strindberg (Frode). Insulo de feliĉuloj.
18. Bertrana (Grau). Barbaraj prozaĵoj. Josafat.
19. Simunoviĉ (Janjiĉ). Ano de l' ringludo.
20. Eekhoud (Bergiers). Servokapabla. Marcus Tybout.

# Oficiala Sciigo de Hungarlanda Esperanta Societo.

**(Adreso: Budapest VI, Eötvös-u. 3.)**

### 8. Eksterordinara ĝeneralkunsido.

La 23-an de januaro okazis la eksterordinara ĝeneralkunsido de H. E. S. kiu elektis sekvantajn protektantojn:
grafo Julio Zichy, ĉefepiskopo de Kalocsa,
D-ro Georgo Lukács, interna sekreta konsilanto, eksministro.

Ni esperas, ke grupoj kaj propagandistoj, sub la nomo de niaj protektantoj, povas pli libere labori por H. E. S.

### 9. Raporto kaj agado de Andreo Ĉe.

Okaze de la ĝeneralkunsido s-do A. Ĉe raportis pri sia agado. Dum dumonata restado en la ĉefurbo li eluzis ĉiun tempon kaj eblecon por fari vizitojn ĉe la plej gravaj lokoj, kaj laŭ la atingitaj rezultoj kaj komencitaj interrilatoj ni rajtas esperi, ke la semoj baldaŭ alportos valorajn fruktojn, pri kiuj ni detale raportos siatempe. Kiel jam pretajn sukcesojn ni jam povas nun mencii la akcepton de Esp. en la hotelo Continental kaj hotelo kaj sanigbanejo Császárfürdö (vidu la februaran n-ron de V. S.)

H. E. S. kore dankas al pastro Ĉe kaj al I. C. K. pro la valora helpo.

### 10. Statistiko pri kotizpagoj.

Ĝis la 15-a de februaro pagis la kotizojn:

| | Naciaj m. (H. E. S.) | Internaciaj m. (H. E. S.-U. E. A.) | Kune |
|---|---|---|---|
| el Budapest | 9 | 10 | 19 |
| Békés | — | 1 | 1 |
| Fehérgyarmat | 2 | — | 2 |
| Kecskemét | 1 | — | 1 |
| Nagykörös | — | 1 | 1 |
| Nemestördenicz | 1 | — | 1 |
| Rákospalota | — | 1 | 1 |
| Rákosszentmihály | — | 1 | 1 |
| Sárospatak | — | 1 | 1 |
| Törökszentmiklos | — | 1 | 1 |
| Ujpest | — | 2 | 2 |
| Entute: | 13 | 18 | 31 |

### 11. Pri Verda Stelo.

Nun, ĉar la membroj ricevas regule monatan gazeton, espereble ĉiuj eksmembroj kaj izolitaj s-doj pagos la kotizon de H. E. S. kaj klopodos, ke ankaŭ iliaj amikoj aliĝu. Ĉiuj regule vizitu la grupkunvenojn (minimume unufoje en la monato), des pli, ĉar en ĉiuj gruplokoj la gazeton V. S. oni povas transpreni nur ĉe la grupejo. Nur izolitoj ricevos gin senpere.

Ni alvokas la grupestrojn kaj ricevantojn de la grupekzempleroj de V. S., ili nepre zorgu, ke ĉiuj membroj, ankaŭ la estintaj, kaj ceteraj s-doj sciiĝu pri tiu aranĝo de la gazetekspedado.

### 12. Aranĝo de kursoj.

a) Propagando: Vanas la kunvenoj kaj gazetartikoloj, se ni ne klopodas varbi kaj eduki novajn adeptojn. La movado ne povas halti. Ni bezonas ĉiam novan generacion. Tial ĉiu grupo kaj indivuo klopodu akiri kursanojn kaj aranĝigi kursojn, eĉ, se nur tute malgrandajn. Tre efika propagandilo estas la aranĝo de ekspozicioj. Laŭ bezono la Centro povas tuj sendi senpage propagandan kaj ekspozician materialojn.

b) Lernejoj: Estas honto de ĉiu grupo kaj profesoro, kiu ne povas eluzi la ministran permeson por instrui Esperanton en la lernejoj. Ili disdonigu almenaŭ flugfoliojn inter la disĉiploj (studentoj). Sen junularo ĉiu movado estas nur inerta stagnado, kiu gvidas al baldaŭa morto.

c) La kursgvidantoj: De ili dependas la sukceso de la kursoj. Ili devas ne nur perfekte scii la lingvon, sed ankaŭ iom da pedagogio. Kursgvidantoj kaj ĉiu samideano, kiu scipovas kaj volas instrui, sciigu siajn adreson kaj kondiĉojn rekte al la Centro.

### Biblioteko Tutmonda.

(Unuopa numero kostas RM 0.45; kompleta serio po 10 numeroj kostas RM 3.65.)

Serio I.

1. Mérimée (Borel). Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj.
2.—4. Van Eeden (Bulthuis). La malgranda Johano.
5.—6. Baudouin. La arto de memdisciplino.
7.—8. Karinthy (Bodo). Norda vento. (Novelkolekto.)
9. Korolenko (Ŝidlovskaja). La sonĝo de Makaro.
10. Bratescu-Voinesti (Morariu). Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj.

### Diversaĵoj.

§ Albanio . . . . . . . . . . . 0.25
Baha'u'llah. Kaŝitaj vortoj de la „Superega Plumo" . 0.35
Bennemann. Internacia Kantaro. Tekstaro . . . . 0.60
— Muzika eldono. Broŝurita . . . . . . . 2.—
Bindita . . . . . . . . . . . . 3.—
§ Bialystok, Gvidlibro de . . . . . . . 0.25
Bossuet (Bastien). Funebra parolado pri Louis de Bourbon kaj Princo de Condé . . . . . 0.50
Butler. Kantaro Esperanta . . . . . . . 1.50
— Himnaro Esperanta . . . . . . . . 1.50
Catty (Gego). Alegorioj el la Naturo . . . . 1.—
Coudenhove- Kalergi. Paneŭropa Manifesto . . . 0.50
Dietterle. La Vendreda Klubo. 11 artikoloj . . . 2.40
Dokumentoj de Komunismo . . . . . . . 1.20
Elsudo. ABC de Sennaciismo . . . . . . 0.50
— Karl Marx Lia vivo kaj lia verko . . . . 0.60
Fersman. La Kemio de la Universo . . . . . 0.60
Hiller. Ho, tiuj fremduloj! Opereto . . . . . 0.70
Honnorat. La sendanĝereco de Francujo . . . . 1.25
Huot-Sordot (Noel). En la lando de la Blanka Monto. Ilustrita . . . . . . . . . . . 1.—
Izgur. Je la nomo de l' Vivo . . . . . . . 2.—
Koch. Albrecht Dürer. Kun 28 bildoj . . . . 1.40
Komunista Manifesto . . . . . . . . 0.60
Kontraŭ Dio (SAT-eldono) . . . . . . . 0.40
Krestanoff. El la proksima oriento . . . . . 2.—
— La bulgara lando kaj popolo . . . . . 3.—
Kropotkin. Etiko . . . . . . . . . . 2.—
Kvinjaro de Sovetlando. Kun multaj ilustraĵoj . . 1.75
La Evangelio de S-ta Johano. (Eldono de Esp. Kolp. Asocio.) Ilustrita . . . . . . . . . 0.25
La Floretoj de S-ta Francisko . . . . . . 1.30
Lanty. For la Neŭtralismon! . . . . . . . 0.25
Leibnitz (Boirac). Monadologio . . . . . . 0.25
Lenin (Demidjuk). Ŝtato kaj revolucio . . . . 1.—
Menzel. Vivu Esperanto! Marŝo pri la esp. fajfsignalo
por fortepiano . . . . . . . . . . 1.50
por fortepiano kun violono . . . . . . . 1.80
por citro . . . . . . . . . . . . 0.80
por granda orkestro . . . . . . . . . 2.—
por malgranda (Pariza) orkestro . . . . . . 1.50
Moy Thomas. Tri esp. kantoj, kun akompano de fortepiano: Vojaĝo, Kongresamatino, kaj La verdastelulino, po . . . . . . . . . . . 0.80
Murakvin. El la Mondbildo de l' Nova Fiziko . . 0.60
Nilsson. Datoj kaj faktoj pri la paca movado . . 1.20
Nitti (Kreuz). Eŭropo ĉe la abismo . . . . . 3.—
Pillath. Das deutsche Lied in Esperanto. Germanaj kantoj esperantigitaj . . . . . . . . . 0.60
Poŝtkartoj (BEA) kun esp. teksto, 6 diversaj. Kune . 0.35
Poŝtkartoj (S. G.) kun esp. teksto, 12 diversaj. Kune . 0.30
Proletaria kantaro (74 kantoj kun notoj) . . . 3.—
Szeréni. Malgranda terbiblio . . . . . . . 1.80
Vámbéry (Toth). Kriminologio . . . . . . 1.40
Van Stipriaan Luiscius (Bulthuis). Karaktero . . . 0.50
Ziegler. Sekspsikologio . . . . . . . . 0.60



Verlag und Druck (Eldonejo kaj Presejo): Gebr. Jung, G. m. b. H., Horrem bei Köln. Verantw. Schriftleiter (Respondeca Redaktoro): Teo Jung, Horrem bei Köln.